# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

12. Jahrgang / Nr. 78 (4/1976) 30 Pf


**Okaze de la 85a datreveno de la naskiĝo de Johannes R. Becher, 22. 5. 1976**

**J. R. Becher**

## *Potenc' fariĝis**

*Potenc' fariĝis nova kaj kreiva*
*Spirito! La traktoroj sen laciĝo*
*Potence, ritme kantas pri aktiva*
*Fekundo de la ter', post renaskiĝo.*

*Altfornoj jen, fabrik-, turbinobruoj!*
*La fluon ŝanĝi la torento pretas,*
*En stepoj fruktaj arboj nun vegetas,*
*Abeloj zumas pro mielofluoj.*

*Kaj nova estas sankta peno nia,*
*Kaj nova estas nia am' pasia:*
*Kreadlaboro estas nun por ni!*

*Vespere, kiam la amuza velo*
*Nin pelas, kantas ni pri l' alta celo,*
*Leviĝas, kreskas viv' — kaj ni kun ĝi.*

* „Es wurde Macht"

*Trad. Dr. Karl Schulze*

# *Weiter auf diesem Kurs!*

Auf seiner Sitzung am 12. und 13. Juni 1976 in Rathenow beschäftigte sich der Zentrale Arbeitskreis Esperanto im Kulturbund der DDR ausführlich mit den Beschlüssen des IX. Parteitages der SED. Diese Beschlüsse, so wurde festgestellt, bestätigten die Richtigkeit des bisher beschrittenen Weges auch im Tätigkeitsbereich der Esperantisten und legten neue Maßstäbe für die zukünftige Arbeit fest.

Der Zentrale Arbeitskreis empfiehlt allen Gruppen, in Vorbereitung der II. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR (November 1976) die Beschlüsse des IX. Parteitages gründlich zu studieren und für die weitere Arbeit auszuwerten. Dabei ist zu prüfen, inwiefern Teile oder ganze Dokumente des Parteitages zentral ins Esperanto übersetzt werden, um authentisches Material für die internationale Korrespondenz bereitzustellen.

Die Beschlüsse des IX. Parteitages gehen uns alle an. Sie sind von *grundsätzlicher* Bedeutung für jeden Esperantisten der DDR, da sie ihn wie jeden Staatsbürger natürlich unmittelbar betreffen. Von *besonderer* Bedeutung sind die Dokumente für die Esperantisten aber auch deshalb, weil sie für ihre zutiefst internationalistische Arbeit unmittelbare und sehr konkrete Anregungen aus den wissenschaftlichen Analysen des Parteitages über die Entwicklung der internationalen gesellschaftlichen Prozesse entnehmen können.

Das bedeutet u. a. das genaue Studium der wissenschaftlichen Analyse des IX. Parteitages über die Merkmale und Hauptentwicklungslinien des revolutionären Weltprozesses, über die Tendenz zur Entspannung in den internationalen politischen Beziehungen. Es gilt gleichermaßen, tiefer in das Wesen der entwickelten sozialistischen Gesellschaft einzudringen und sich dabei die erreichten Erfolge und die noch zu lösenden Aufgaben zu vergegenwärtigen. Es ist noch viel zu tun, um diese Prozesse unseren Freunden im Ausland zu erläutern.

Von vorrangiger Bedeutung für die weitere Arbeit der Esperantisten der DDR bleibt auch in Zukunft die allseitige Festigung und Vertiefung der Freundschaft und Zusammenarbeit mit den Esperantisten der UdSSR, Polens, der ČSSR und allen anderen Bruderländern. Die freundschaftlichen Beziehungen zu allen fortschrittlichen Esperantisten gilt es im Geiste des Wirkens für Frieden, Abrüstung, Entspannung und Völkerfreundschaft weiter zu entwickeln. Esperantisten übten immer konkrete Solidarität mit den Völkern Vietnams, Chiles, Angolas und allen anderen, die unsere Hilfe brauchen. Das wird auch in Zukunft so sein.

Das Programm der Sozialistischen Einheitspartei Deutschlands wird für einen längeren Zeitraum die Entwicklung der DDR bestimmen. Es ist ein Programm des ganzen Volkes. Es erfordert zu seiner Realisierung die Mitarbeit des ganzen Volkes, auch die der Esperantisten der DDR.

*Johannes R. Becher*

# *Partio*

Mi kio estus, se ne la partio
Per sia severec' edukus min?
Filistro, kiu kun kolera krio
Sin mem disŝiras kaj plenigas sin

Per alkohol'. Ja eblas, mi koncedas,
Pe tiam poezion farus mi,
Kiu pri lukso kaj diboĉo pledas,
Pri mondpereo kun melankoli'.

Ĝis mi rimarkus: superfluaj estas
Poemoj miaj kaj mi mem, kaj restas
En mi la tedo, kiu morton portas.

Ja dekadence ne pereis mi,
Sed savis min, ke mi ne tiel sortas,
Nur, kiu min edukis, la parti'.

*Trad. Dr. Karl Schulze*

---

**Dekmila disaŭdigo de Radio Varsovio en Esperanto**

La 9an de majo 1976 Radio Varsovio emisiis sian 10 000an disaŭdigon en la internacia lingvo Esperanto. Post la aktualaj informoj de la tago sekvis felietono de Jerzy Grum pri la eŭropa sekureco kaj la Esperanto-movado. En intervjuoj Pavel Rosa, prezidanto de Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko (AESSR), informis pri la televida kurso de Esperanto (komparu „der esperantist") kaj Detlev Blanke, sekretario de Centra Laborrondo Esperanto en KL de GDR, pri interlingvistika agado en GDR.

Elkorajn gratulojn al Radio Varsovio okaze de la dekmila kaj sukceson por la dua dekmilo!

*Vilmos Benczik*

# La vivoverko de Kalocsay: riĉa lingvo



*La 27an de februaro 1976 forpasis en Budapest la kunkreinto de la riĉa lingvo Esperanto, univ. profesoro d-ro Kálmán Kalocsay.*

*El revuo „Esperanto“ de UEA (3/76) ni ĉerpas la sekvan ampleksan studon de la talenta hungara literaturkritikisto Vilmos Benczik.*

Ankaŭ nun, same kiel antaŭ naŭ jaroj *) portis funebron al la esperantistaro la printempiĝo: la 27an de februaro 1976 mortis Kálmán Kalocsay, honora universitata profesoro pri medicino, Esperanta poeto, tradukisto, eseisto, lingvisto kaj multjara redaktoro. Li naskiĝis la 6an de oktobro 1891 en la nordorienta parto de Hungario, en Abaujszántó. Studis medicinon en Budapeŝto kaj akiris diplomon en 1916. Tri jarojn li laboras kiel batalkampa kuracisto. En 1929 fariĝas ĉefkuracisto en la Budapeŝta Urba Hospitalo por Infektaj Malsanoj, kaj samjare universitata docento pri medicino.

Ĝis sia pensiiĝo li laboras en tiu hospitalo kaj gajnas bonan renomenon kiel specialisto pri infektaj malsanoj: iuj universitataj lernolibroj de li pri tiu temo ankaŭ nun estas uzataj.

Esperanton li eklernis en 1911 (kvankam en EdE staras 1913), sed li aperas antaŭ la internacia publiko nur en 1921 kun la aspekte kaj amplekse modesta, tamen enhave valora poemkolekto *„Mondo kaj koro“*. Tiu starto estas komenco de 55-jara kariero, kies signifon por la Esperanta kulturo en la nuna momento ni povas nur admire epiteti, sed ankoraŭ ne mezuri. Dum lia granda kunulo, Julio Baghy, estis fervora kaj populara movadulo, Kalocsay estis relative malofte videbla inter la esperantistoj. Lia agado ligiĝis al du aferoj, kiuj fakte donis kaj donas la bazon de la Movado: al la lingvo kaj literaturo.

**Poeto**

Kiel jam menciite, li debutis kiel poeto, kaj liaj originalaj poemoj — kvante malmultaj — apartenas al la ĉefaj valoroj de nia tuta kulturo.

*) La 18an de marto 1967 mortis Julio Baghy

La unuan modestan poemkolekton de 1921 post dek jaroj sekvas atuta verko.

*„Strećita kordo"*. Tiu libro havas revolucian signifon en la Esperanta poezio, ja ĝi nemezureble multe superis la ĝistiamajn atingojn sur tiu tereno. „Streĉita kordo" kreis novajn, altajn normojn de enhava profundo kaj forma kulturo: per ĝi la Esperanta poezio elpaŝis el sia infanaĝo.

En la postaj jaroj pro la traduka kaj redakta laboro Kalocsay malfidelas al la originala poezio, kaj nur en 1938 pretis la nova versvolumo *„Izolo"*, sed la milito intervenis. (Samjare kun „Streĉita kordo" aperis ankaŭ malgranda versvolumeto el lia plumo: *„Rimportretoj"* pri la „esperantaj steloj", kies spritaj pecoj plejparte eĉ nuntempe estas legindaj.)

Nova Kalocsay-poemaro neniam plu aperis. En la jaro 1972, en intervjuo, li klarigis sian forturniĝon de la originala poezio per manko de tempo kaj intelekta energio por la necesa forta introspektado. Tiu aserto havas sian realan bazon. Li uzis sian energion por aliaj indaj celoj, sed restos eterna perdo por ni, ke la poezia vivoverko de Kalocsay ne povis kompletiĝi. Li kreis normojn, montris la vojon irindan kaj irendan al la esperantistaj poetoj, sed li mem ne havis la eblon mem pluiri sur ĝi.

Tamen, lia liriko havis lastan ekfulmon en la poemo „Letero al William Auld". Tiu ĉi ĉefverko estas eble la plej intelekta poemo de Kalocsay, en formo virtuoze vibranta, tamen klasike sobra kaj pura: ĝi resumas ĉion, kion la maljuna, multon spertinta poeto pensas pri la mondo kaj vivo:

*Tre mallongan tempon vivas la matena guto de roso, sed dum ĝi ekzistas, en ĝi respegulas sin la ĉiel'.*

Krom en la du aperintaj poemaroj, liaj poemoj restis al ni en la jubileaj antologioj *„Arĝenta Duopo"* (1937) kaj *„Ora Duopo"* (1966); pli ol dudek Kalocsay-poemoj eniris ankaŭ la *„Esperantan Antologion"* (1959).

La publika opinio taksas, ke en la poezio de Kalocsay svarmas superfluaj neologismoj, kaj ke ĝi estas malfacile komprenebla. Tio estas plejparte eraro. Estas vero, ke Kalocsay multe vastigis la vortaron de Esperanto, sed tion li faris ĉefe nur en tradukoj, kie la strebo al fideleco trudis al li tion, kaj mi ne dubas, ke pluraj liaj poemoj, se oni represus ilin — ekz. la grandioze simpla „Patrineco" el Streĉita kordo — fariĝus tre popularaj, eĉ inter la plej konservativaj esperantistoj.

**Tradukisto**

Por la publiko Kalocsay estis ĉiam unuavice tradukisto, kaj mezurante la kvanton de liaj publikigitaj tradukoj, oni konsterniĝas pro la amplekso de la vivoverko.

Liaj unuaj tradukaj verkoj — entute tri — publikiĝis en 1923: La kantotekstoj de la broŝuro *„Kantanta kamparo"* jam konjektigis la formkapablon de la tradukisto. *„Morgaŭ matene"* (esprimisma dramo de Fr. Karinthy) pruvas, kiel kree li scias manipuli la lingvomaterialon, sed la

debuta atuto estis *„Johano, la Brava"*, longa poemfabelo de la hungara klasikulo Petöfi, verkita en tre malfacile interpretebla popoleca stilo. Tiu traduko reaperis reviziita en 1948, kaj represiĝis triafoje en *„Libero kaj amo"* (1970), kolekto de elektitaj poemoj de Petöfi.

En la sekva jaro 1924 eliras nova granda traduko, la drama poemo de Imre Madách: *„La Tragedio de l'Homo"*. Tiu ĉi verko ankaŭ represiĝis, reviziita — preskaŭ retradukita — en la jaro 1965.

Post la plenumo de tiuj du grandaj servoj al la hungara kaj Esperanta literaturoj, Kalocsay turnas sin al aliaj lingvoj por kolekti laŭrojn. Kaj en la „granda jaro" de la Kalocsay-verkoj, en 1931, aperis el lia plumo 352-paĝa mondliteratura poemantologio, tradukita el 22 lingvoj. La inspirfonto de tiu volumo estis Grabowski kaj lia „El parnaso de popoloj", sed dum la verko de Grabowski jam nepre arkaikiĝis, la *„Eterna bukedo"* de Kalocsay povus represiĝi senŝanĝe.

En 1932 estis eldonita alia atentinda kaj iom maljuste forgesita traduka verko de Kalocsay, *„Romaj Elegioj"* — La Taglibro de la germana giganto Goethe, kun kiu cetere Kalocsay montras tre profundan animan kaj artan parencecon. .

En la jaro 1933 denove sekvas atutaj tradukoj:

*„Hungara Antologio" kaj „La Infero"* de Dante. Hungara Antologio — en kiu Kalocsay tradukis la tutan poezian parton, krom 11 poemoj — pruvas, ke li ne malfideliĝis de la hungara literaturo; li estis ankaŭ redaktoro de tiu belmemora libro, kaj stila kontrolanto de ĉiuj tradukoj — prozaj kaj versaj — aperintaj en ĝi. La *„Infero"* de Dante tiutempe estis konsiderata kiel la plej granda atingo de la Esperanta tradukarto, kaj eĉ ĝis nun ĝin superis nur Kalocsay mem.

Pro la intensiĝo de la milita atmosfero la eldona aktiveco iom malfortiĝis, en tiu tempo aperis el lia plumo nur kelkaj broŝurformaj prozaj tradukoj. Post la fino de la dua mondmilito „Literatura Mondo" reaktiviĝis, kaj Kalocsay abunde ektradukis poezie, precipe tiujn poetojn, kiuj en la antaŭmilita tempo estis subpremitaj pro siaj maldekstraj politikaj konceptoj.

Dum la malvarma milito Kalocsay silentis sed ne ripozis. Tion atestas du libroj, aperintaj tuj post la unuaj signoj de la politika malstreĉiĝo. en 1956 *„Ezopa Saĝo"*, sepdek sep reverkitaj fabloj de la greka klasikulo, kaj en 1957 *„La Floroj de l'Malbono"* de Baudelaire, volumo en kiu li kunlaboris kun poeta sesopo, sed estas evidente, ke li havis leonan parton en la laboro.

En la sesdekaj kaj sepdekaj jaroj li turnas sin precipe al la verkaro de Shakespeare, tradukante tri verkojn de la granda angla dramisto. *„Reĝo Lear"* aperis en 1956, *„Somermeznokta sonĝo"* en la sekva jaro kaj *„La Tempesto"* en 1971. Tiuj ĉi tri tradukoj brile pruvas la kapablojn de la

Esperanta poezia lingvo — precipe „Reĝo Lear“ —, fakte ili estas la elpintiĝo de la Esperanta tradukarto de la lastaj jardekoj.

En 1969 eliris la impona volumo *„Kantoj kaj Romancoj“* de Heine; ankaŭ tiu ĉi libro estas frukto de komuna laboro kun Waringhien. La tradukoj por tiu ĉi volumo, kiel ankaŭ tiuj de la Petőfi-kolekto *„Libero kaj amo“* estis jam delonge pretaj, kaj parto el ili jam pli frue publikiĝis en diversaj revuoj.

Sed la tradukarto de Kalocsay ne koncentriĝis ekskluzive al tiuj ĉi grandaj taskoj: sur la paĝoj de „Hungara Vivo“ dum la lastaj dek kvin jaroj konstante aperadis liaj tradukoj el la verkoj de nuntempaj hungaraj poetoj, eĉ prozistoj. Li ne ripozis eĉ en la lastaj monatoj de sia vivo, en la ĉijara unua numero de „Hungara Vivo“ aperas novaj tradukoj el lia plumo: moralfilozofia dialogo kaj kelkaj poemoj de la multe suferinta kaj antaŭ kelka tempo mortinta hungara verkisto József Lengyel.

Malgraŭ la supra ampleksa listo, tio ne estas la tuto. En la tirkestoj de lia labortablo kuŝas ankoraŭ amaso da poeziaj tradukoj, preparitaj por la longe prirevita mondliteratura poezia antologio *„Tutmonda Sonoro“*, kiu ne povis aperi. Ĉu troviĝos eldonisto, kiu povos fari komuna trezoro tiun riĉaĵon?

**Redaktoro kaj eseisto**

Krom konstrui la imponan propran vivoverkon, Kalocsay ankaŭ edukis tutan generacion de esperantistaj literaturistoj. Kiel ĉefredaktoro de „Literatura Mondo“ li decide influis la evoluon de la literaturo en la intermilita periodo. „Literatura Mondo“ kiel turo altiĝas el la amaso de la tiama revuaro: aperigi en ĝi verkon estis honoro por ĉiu verkisto. Tamen, tio ne signifas, ke al la redakcio de tiu revuo alvenis nur perfektaj manuskriptoj. Tute ne. Sed Kalocsay ne ŝparis la tempon por korekti ilin: kvazaŭ monomanie li tenis sin al sia idealo pri la lingva kaj stila perfekteco, kaj neniam cedis el siaj postuloj. Kompreneble, tio ne okazis sen ofendiĝoj kaj personaj konfliktetoj. Sed li atingis sian celon. Kreiĝis en la Esperanta literaturo — kaj en ĉiuj presitaj tekstoj ĝenerale — forta lingva kaj stila nivelnormo, al kiu jam neniu povas postresti sen ridindigi sin. Kaj dum tiu trijardeka strebado kolektiĝis en la kajeroj de lia revuo grandega kaj valorega materialo, kies riĉecon nur nun, post ĝia represo fare de japana eldonejo, ni scias mezuri en realaj dimensioj. La nomo de la redaktoro Kalocsay kunfandiĝis kun „Literatura Mondo“, sed tio ne signifas, ke lia redaktora aktivado poreterne ĉesis kun la morto de tiu revuo. La lingva kaj literatura kvalito de „Hungara Vivo“ ankaŭ estis plejparte lia merito, kvankam li neniam estis ĉefredaktoro de tiu revuo. Ekde la naskiĝo de „Hungara Vivo“ ĝis sia enhospitaliĝo fine de decembro 1975, li legis kaj, se estis necese, korektis senescepte ĉiujn manuskriptojn kiuj aperis en la revuo.

Kaj fine, sed ne laste, al lia redaktora kaj organiza laboro ŝuldiĝas la originalpoeziaj antologioj *„Dekdu poetoj“* (1934) kaj *„Naŭ poetoj“* (1938),

kies vasta gamo de diverslandaj talentoj estas ĉefe la frukto de lia strebado.
Verŝajne estis ĝuste la spertoj de la redaktora agado, kiuj vekis en li la eseiston, ja li ne interesiĝis pri filozofiaj kaj ideologiaj problemoj de la Movado: liaj eseoj plejparte tuŝas temojn lingvajn kaj stilajn. Amaso da tiaj eseoj aperis dise en revuoj, sed jam en 1931 aperis ankaŭ libroforme en la volumo *„Lingvo Stilo Formo“* ok studoj aparte gravaj. Pli malfrue, precipe sur la paĝoj de „Norda Prismo“ aperis el lia plumo ankaŭ literaturaj eseoj (farintaj kelkan bruon pro reverko de alies tekstoj), sed ankaŭ en tiuj li okupiĝis plejparte pri lingvaj, stilaj kaj prozodiaj problemoj: por la analizo de la poezia enhavo ŝajne li ne havis emon. Entute, oni povas diri, ke liaj eseoj tuŝis problemojn tre praktikajn, kaj verkante eseojn li klopodis kontribui al la lingva kaj literatura evoluo ĉiam tre konkrete. Tion celis la verko „Parnasa Gvidlibro“ (1932; kun Waringhien), kaj ankaŭ la ampleksaj prilingvaj artikoloj en „Enciklopedio de Esperanto“ (1933—1934).

**Lingvisto**

Kalocsay estis esence literaturisto, sed pro la siatempa sennormeco de Esperanto li ne povis eviti lingvajn temojn. Li devis interpreti Esperanton por la esperantistoj, ja la dek ses reguloj estis nur bazo, ne povis doni konsilon al la lingvouzantoj en ĉiuj konkretaj kazoj, kaj pro tio la „praktika esperantisto“ ofte uzis malĝustan lingvaĵon. Post sennombraj prilingvaj popularigaj eseoj en 1935 aperas la unua sistema Esperanta gramatiko, kunverkita kun Waringhien: *„Plena Gramatiko“*. Tiu dika libro kaŭzis indignon ĉe la ortodoksemaj esperantistoj, sed maljuste: ĝi tute ne kreis „novan lingvon“, kiel iuj asertis, nur tiris kaj surpaperigis la konkludojn, kiujn la dek ses reguloj latente enhavis, kaj laŭ la spirito de la lingvo prijuĝis — sankciis aŭ malkonsilis — fenomenojn, kreiĝintajn en la ĝistiama praktika uzado de la lingvo. „Esperanto devas esti prilaborata, kiel iu ajn vivanta lingvo. Kiam iuj — mi nomas ilin simplistoj — malaprobas, ke ĝi fariĝis pli komplika, tiam fakte ili protestas kontraŭ la viviĝinta Esperanto...“ — li diris apenaŭ tri monatojn antaŭ sia morto, en intervjuo, aperinta sur la paĝoj de la semajngazeto de la Hungara Verkista Asocio, Élet és Irodalom (Vivo kaj Literaturo). Dum la sesdekaj jaroj li dediĉis sin al la problemo de participoj pasivaj, kaj publikigis pri la temo eĉ ampleksan libron *„Vojaĝo inter la tempoj“* (1966). Polemikante kun liaj lingvistikaj tezoj dum la lasta tempo ofte oni riproĉis al li, ke li ne estas profesia lingvisto. Tio estas vero. Sed la riproĉantoj forgesas pri alia vero, nome, ke viviĝis ne la lingvoprojekto de la fama dana lingvisto Otto Jespersen, sed tiu de la modesta pola okulisto L. L. Zamenhof.
Kalocsay bazis sian lingvistan agadon ĉiam sur la praktike establiĝinta, funkcianta lingvo, kaj ne sur teoriaj konsideroj de la moderna lingvoscienco, kun ignoro al la jam ekzistanta tradicio. Jes ja, li influis, eĉ formis

*Aleksandr Logvin*

# Rekviemo

„Ars longa, vita brevis est..."
Poet' forpasis sur la gloro-krest'.

Poet' silentas, kaj silentas tuto.
Filino ploras... Brilas larmoguto

Silentas libroj. Vakas la penatoj.
Funebras Muzoj kaj poetoj-fratoj.

Finbrilis la vespera sunradio.
Orfiĝis ni kaj nia poezio.

Foriris bona hom' el nia rondo.
Malgaje sonas kanto super mondo.

Reeĥas Budapeŝta kampanilo
Per olda, granda, plenda sonorilo.

Ne venos Vi al hejmo familia.
Ne lumos plu por vi la suno dia.

Sed arto Via longe en lontano
Plu ravos koron de l'samideano.

Ne laŭro kaj ne bronzo por memoro,
Nur via poezio — Viva gloro!

Poeto bela, brila virtuozo,
Nesuperebla mastro en la prozo.

Kiel sorĉisto, kun magi-efikoj
Vi helpis al kolegoj, al amikoj.

Laboris Vi talente kaj titane,
Miraklojn revivigis ellontane.

Kreitoj de Ŝekspiro, Gete, Dante
Vin laste akompanis, admirante...

Ho, Kolomano! Kara Kolomano!
Vi ĉiam estis paca civitano.

Ni kredu! Realiĝos revo via
Pri nova mond', feliĉa, harmonia!

Moskvo, 23. 3. 1976

---

(resto de paĝo 8)

multe la lingvon, sed tion faris ĉiam praktikante ĝin, kun la necesa respekto kaj humilo. Kaj tial la spuroj de lia mano restos sur ĝi poreterne.

* * *

Kalocsay foriris. Li ne plu estos inter ni, ne plu ni povos apelacii al liaj juĝoj en niaj diskutoj. La terura respondeco, kiu ĝis nun kuŝis sur liaj ŝultroj, nun dividiĝos inter ni. Estos malfacile sen li. Tamen, la doloro estas profunda sed ne tranĉa: ni ne restos tute sen li. Dum tiu longa vivo sen vera maljunaĝo — la naturo permesis al li konservi la intelektan freŝecon ĝis la morto — lia universala talento kaj konsterna laboremo donacis al ni la pluroblon de tio, kio estas atendebla de unu homo.

Tamen, lia vivoverko ne estas nur la sennombraj volumoj el lia plumo: la vera vivoverko estas la ellaborita, altnivela lingva, stila kaj literatura tradicio, kiun li kreis kaj nun heredigis al ni. Li postlasis al ni riĉan, vivantan lingvon. Kaj el tiu vivoverko profitas ne nur tiu, kiu legis aŭ legos liajn librojn. Ĝi enestas en ĉiu frazo, kiun ni eldiras aŭ surpaperigas en **Esperanto.**

## Renkonto ĉe Kalocsay

Invitite al interlingvistika seminario en 1971 ĉe la Universitato de Budapest mi apartenis al la feliĉuloj, kiuj havis la eblecon viziti profesoron Kálmán Kalocsay.

Estis la vespero de 28. 4. 1971.

D-ro Szerdahelyi gvidis la malgrandan grupon al lia hejmo.

Kalocsay, altstatura kaj iel memoranta pri simpatia mefistofelo, nin afable salutis. „Ah, vi estas tiu", li surprizis min, „kiu korektis la difinon pri ‚materiismo' en PIV". Mi konfuzridete jesis. Kia noma memoro! Ni komforte kunsidis iom kaj babilis. La italo, Valerio Ari, el Milano (Giorgio Silfer) faris intervjuon por la revueto „Literatura Foiro"· „der esperantist" en n-ro 50 (novembro—decembro 1971, p. 15—16) represis ĝin.

Kalocsay parolis pri siaj planoj. Ĵus aperis lia traduko de „La tempesto" de Shakespeare.

Lia tajpilo sur la skribtablo kuŝis laborpreta. Evidente, alvenante ni estis interrompintaj lian skribadon.

Al „der esperantist" Kalocsay iam skribis, laŭdante ties enhavon kaj speciale menciis „Deutsche Redensarten und Redewendungen in Esperanto" de Curt Kessler. Li utiligis tiun materialon por sia lasta verko „Domfabriko", 6000 (sesmil!!) frazeologiaj esprimoj hungaraj-Esperantaj (Csiszár Ada — Kalocsay Kálmán), kiu aperis 1975 ĉe Hungara Esperanto-Asocio en Budapest (188 p.).

Kalocsay, laŭ mia impreso, estis tute trankvila kaj senbrua homo (kontraste al Julio Baghy, kiu ofte patose parolis, li ja estis aktoro). Lia voĉo ne estis eksterordinara. Li ne estis granda oratoro. Sed li estas kaj restas titano de la Esperanto-poezio kaj esperantologio. *Detlev Blanke*

---

### Universitataj kursoj en la Internacia Lingvo

Liège, Belgujo — Universitataj kursoj en la Internacia Lingvo Esperanto jam estas regula ero en someraj edukaj programoj en Belgujo. Proponataj ĉiun duan jaron en Liège aŭ Antverpeno, la Someraj Universitataj Kursoj por 1976 okazos en la Antverpena Universitato de la 8a ĝis la 29a de aŭgusto. Tri programojn oni proponos — pri biologio, matematiko kaj sociologio. Ilin gvidos universitataj lektoroj kaj profesoroj el Britujo, Pollando, Norvegio, Hungario, Belgio kaj Usono. La organizantoj de la kursoj ankaŭ eldonas lernolibrojn en Esperanto por kampoj kiel kemio, lingvistiko kaj kompara literaturo. Alia serio de universitataj kursoj en Esperanto okazos en Primoŝten, Jugoslavio, de la 16a ĝis la 30a de julio, pri ekonomiko, edukado, kibernetiko, fiziko kaj pluraj aliaj kampoj. Lekcioj de universitataj profesoroj troviĝos ankaŭ en la programo de Internacia Somera Universitato, organizata kiel parto de la 61a Universala Kongreso de Esperanto en Ateno (31a de julio — 7a de aŭgusto). La kursoj en Antverpeno okazos sub la aŭspicio de Universala Esperanto-Asocio.

# Wissenschaftliches Werk über Interlinguistik

*Wie wir in Nr. 67/68 (5/6 1974) unseres Mitteilungsblattes ausführlich berichteten, wurde im Mai 1974 am Institut der Akademie der Wissenschaften der UdSSR eine „Problemgruppe zu Fragen einer internationalen Hilfssprache" gegründet, die von Dr. sc. phil. Magomet J. Isaev geleitet wird. Inzwischen erschien die erste von der Problemgruppe redigierte Veröffentlichung. Wir geben im folgenden das Inhaltsverzeichnis des Buches wieder. Es kann über alle internationalen Buchhandlungen der DDR bezogen werden.*

**„Probleme der Interlinguistik"**
**Typologie und Entwicklung internationaler Kunstsprachen**

Verlag „Nauka" (Akademie der Wissenschaften der UdSSR, Institut für Sprachwissenschaft), Moskau 1976, 157 S. Problemy interlingvistiki, tipologija i evoljucija meždunarodnych iskustvennych jazykov, Moskva 1976).

**Inhalt:**

*Rudi Graetz*

# Konsideroj pri ekonomika vortaro

*Pri la granda valoro de PIV ekzistas nenia dubo· Same valora por nia nobla celo pro sia per-esperanta-metodo estas la „Internacia komerca-ekonomika vortaro en 9 lingvoj", kiu aperis sub la aŭspicio de Instituto por Esperanto en Komerco kaj Industrio (EKI) 1974 en Nederlando ĉe la eldonejo Kluwer en Deventer. Ĝin projektis, kompilis kaj redaktis F. Munniksma.*

Ĉi tiu vortaro enhavas specifan terminologion de organizado kaj tekniko de la komerco, ekonomiko kaj sociala ekonomio. Ĝi enhavas difinojn aŭ klarigojn de ĉiuj 2812 enmetitaj terminoj en la angla lingvo kaj Esperanto. Granda nombro de la enmetitaj terminoj ne troviĝas en ĝeneralaj, multaj eĉ ne en ĉiuj specialaj vortaroj. Ŝajne „facilaj" terminoj kiel *pensio, salajro, ferioj, strikto* ktp. enmetiĝis pro sia social-ekonomika signifo.

Por ĉiu termino en la angla kaj Esperanto estas donita la traduko en 7 aliaj gravaj lingvoj. La anglaj terminoj estas en alfabeta sinsekvo kaj per faciluza sistemo de 8 indeksoj la libro estas alirebla el ĉiu de la aliaj enmetitaj lingvoj. Se ekzemple portugalo deziras informiĝi pri la termino — financado —, li trovas en la portugallingva indekso laŭ alfabeto sub „financiamento" la ciferon 1030. Sub tiu numero ni trovas la klarigajn tekstojn en angla lingvo kaj en Esperanto. Jen la Esperanta-difino:

> *„FINANCADO*
>
> *estas tiu parto de entreprena ekonomiko, kiu okupiĝas pri la demando, kiel provizi entreprenon plej efike per mono kaj/aŭ kredito, por ke ĝi povu funkcii bone. Se la termino aplikiĝas al nacia ekonomiko, ĝi rilatas al la publikaj financoj"*

Kaj samtempe ni trovas la nocion „financado" en la aliaj sep lingvoj apude sur la rando.

Aŭ se svedo interesiĝas pri „tidsbegränsad tullfrihet för reexport", li trovas la ciferon 2551 en la sveda indekso kaj per tio inter alie la Esperantan difinon:

---

(resto de paĝo 11)

| | |
|---|---|
| 11. L. L. Vasilevskij: | Eine unbekannte Seite aus der Geschichte der Interlinguistik unseres Heimatlandes - die Sprache Universal (1925) |
| 12. D. G. Baev: | Variante einer internationalen Hilfssprache (Aksiom Variant) |

**Anhang:**

Institut für Sprachwissenschaft der AdW der UdSSR, Sektion Interlinguistik (Vorträge und Diskussionen, gehalten von 1964—1973).
Rezension folgt.

*PORTEMPA SENDOGANA AKCEPTO*

*rilatas al sendogana importado de tiuj varoj (ĉefe krudaj materialoj) kiujn oni devas eksporti post transformado"*

Tiel la vortaro estas facile uzebla por ĉiu, kaj samtempe ankaŭ eblas lerni per tiu ĉi unika vortaro.

La naŭ lingvoj English, Esperanto, Deutsch, Español, Francais, Italiano, Nederlands, Português kaj Svensk montras, ke la vortaro estas pensita por uzado en komerco kaj ekonomiko ĉefe en nesocialismaj landoj. Tamen tiu vortaro ankaŭ taŭgas por komercaj entreprenoj, eksport/import-organizaĵoj kaj ekonomikaj institucioj de socialismaj landoj por inter-rilatoj kun siaj partneroj (komp. PIV) en la nesocialisma mondo. La vortaro tial ne nur estas tre valora por interesitaj esperantistoj en la tuta mondo, sed ĝi estas nemalhavebla por oficejoj en komerco kaj industrio en tre multaj landoj en la vasta senco de la vorto.

Kompreneble la difinoj de la terminoj en tiu ĉi vortaro dependas de la ideologia pozicio kaj tial ili estas tute en la senco de la kapitalisma ekonomika sistemo. Pri tio mi volas doni ĉi tie kelkajn ekzemplojn.

Se ekzemple ni prenas la germanan vorton „Ausbeutung", tiam ni trovas sub cifero 2791 sekvan Esperanto-tekston:

*„EKSPLUATI*

*1) uzadi ion, valorigante ĝin por sia profito: minejon, fervojon;*

*2) troprofiti el ies laboro, ne donante justan kompenson: ekspluati la laborprenantojn"*

Se mi veturas per trajno aŭ sendas pakaĵon per ĝi, mi utiligas favoran eblecon. Se kapitalisto faras la saman, nenio alia okazas, ĉar li pagas sian bileton aŭ transportkostojn kiel mi. Ankaŭ se per la transportkostoj la valoro de la varoj plialtiĝas. Ekspluati li nur povas, kiel kapitalista posedanto de iu fervojo, la fervojistojn kaj fervojajn laboristojn, kiuj en tiu kazo devas labori por lia profito.

Kontraŭdiron montras 2) tro profiti el ies laboro — (do la „laborprenanto" tro profitas el ies laboro), sed en la kapitalisma mondo li nomas sin „labordonanto".

Ni vidas ĉi tie vualigon de faktoj. Ne simple oni diras — ekspluati la laboristojn — sed nomas ilin „laborprenantojn", kvankam fakte ili donas aŭ vendas sian laborforton al la kapitalistoj, kiuj prenas la laborforton (laborprenantoj) kaj profitas per ĝi.

Karl Marks per klaraj vortoj diris, ke la kapitalistoj ekspluatas la laborforton de la laboristoj.

La vero estas, ke la laboristoj devas vendi sian laborforton al kapitalistoj, alie ili ne povas vivi kun siaj familianoj. La kapitalistoj aĉetas la varon „laborforto" por profitdone ekspluati ĝin. En tiu momento, kiam tio ne plu estas profitdona, ili forĵetas la varon laborforto, kaj la laboristo fariĝas senlaborulo. Kaj dum tempo de ciklaj krizoj en kapitalismaj landoj milionoj da homoj suferas tiun sorton.

La klarigo de la nocio „ekspluati" en esperantlingva socialisma ekonomika leksikono certe postulos sufiĉe longan spacon, se ni sekvas la jenajn pensojn: ke ekspluatado estas la senpagata alpropigo de fremda laboro, nome de la plusprodukto kaj sub determinitaj cirkonstancoj ankaŭ de partoj de la necesa produkto ktp. Kaj tio ekde la momento, kiam definita evolunivelo de la produktofortoj kaj de la laborproduktiveco ebligis plusprodukton kaj alproprigon de la plusprodukto per unuopuloj aŭ grupoj en la finepoko de la prakomunumeco. Sekvis sklaveco, feŭdismo kaj kiel lasta sociordo ekspluatanta la kapitalismo.

En la 9 lingva vortaro estas legebla sub 458:

> *„KOMERCA POLITIKO*
>
> *ampleksas ĉiujn agojn kaj disponojn por influi la komercon tiel enlande kiel eksterlande· Kvankam ne senescepte, komerca politiko ĝenerale estas ŝtata"*

Socialisma ekonomika Esperanto vortaro inter alie certe dirus, ke en la hodiaŭa kapitalismo la komerca politiko estas tiel direktata, ke per ĝi la interesoj de la monopolkapitalo estas sekuritaj realigitaj,

kaj ke en socialismo la enhavo de la komerca politiko estas determinata de la socialismaj produktadaj rilatoj kaj servas al la interesoj de la popolo.

Certe estus interesa kompari tiajn terminojn kaj nociojn, kiel profito, rento kaj multaj aliaj, sed ĉiu nepre postulus specialan kaj detalan, do longan pritraktadon.

Tamen en la antaŭparolo de la 9 lingva vortaro sur paĝo VII sub punkto 3 ni povas legi:

> *„De temp' al tempo montriĝis ke iu termino estas konata aŭ uzata ne ĉiulande, aŭ ke diferencoj eblas laŭlande, ekzemple ĉe terminoj kiel akcia kompanio, komandita societo, plusprofito".*

Laŭdinda estas, ke en la vortaro estas troveblaj terminoj kiel kooperativo, naciigi, ŝtatigi kaj aliaj. Tamen mankas ankoraŭ kompreneble multaj terminoj el la socialisma ekonomiko por nomi nur kelkajn: Volkseigentum, Handelsspanne kaj aliaj.

Salutinde ankaŭ estas, ke post la indeksoj sekvas kiel aldono ankoraŭ parto pri landoj kaj valutoj. La principoj sekvitaj ĉe la landnomoj en Esperanto laŭ mia opinio povas esti modelaj por esperantolingvaj publikaĵoj kaj gazetaro.

Do entute rekomendinda kaj valora verko ne nur por esperantistoj kaj pro tio bonega per-Esperanta-laboro. Nepre necesas tial danki al la kunlaborantoj de tiu grandioza verko por ilia pena kaj komplika laboro, nur solvebla per la uzo de la internacia lingvo Esperanto en reciproka korespondado kaj diskutoj.

## Tutmonda packonferenco en Leningrad

Kiel sciate, en la fino de la pasinta jaro okazis en Leningrado tutmonda konferenco de la naciaj packomitatoj, organizita de Monda Packonsilantaro.

En ĝi ne ĉeestis reprezentantoj de naciaj pacmovadoj kaj tial ankaŭ MEM ne partoprenis.

Sed la vicprezidanto de MEM, S. N. Podkaminer en sia kvalito de membro de la Leningrada packomitato ĉeestis la konferencon kaj kaptis la okazon transdoni al s-ro Romesh Chandra gratulojn de MEM (en angla lingvo) lige kun lia honorigo per la fama ordeno „Amikeco de la popoloj".

Jen ĝia teksto en Esperanto:

„Al s-ro Romesh Chandra
Ĝenerala Sekretario de
Monda Packonsilantaro

Kara Sinjoro,

En la nomo de Mondpaca Esperantista Movado mi ĝojas havi la feliĉan okazon kore gratuli Vin pro Via dekorigo per la Ordeno de Amikeco de la popoloj kaj bondeziri al Vi multajn novajn atingojn en Via honora kaj nobla agado por la Paco.

Ni estas certaj, ke la Komuna Deklaro, subskribita de Vi kaj s-ro Nikola Aleksiev, precidanto de MEM, en Moskvo 1973, estos sukcese realigita.

Ni volas certigi Vin, ke nia Movado, sekvonte la direktivojn de Monda Packonsilantaro, faros ĉion eblan por uzi la internacian helplingvon Esperanto por la afero de la Paco en la tuta mondo.

Sindone Via

*S. Podkaminer*
*Vicprezidanto de MEM"*

---

(resto de paĝo 14)

Kiaj konkludoj restas por ni?

1. *La Internacia komerca-ekonomika vortaro en 9 lingvoj estas nepre rekomendinda al komercaj entreprenoj en la tuta mondo. Same al ekonomikaj institucioj*

2. *Necesas krei similan vortaron por la socialisma ekonomiko, ekzemple por la lingvoj rusa — Esperanto — bulgara, ĉeĥa, germana, hungara, mongola, pola, rumana, slovaka, vjetnama, korea.*

Do ĉi tie atendas niajn vortaristojn, minimume en la socialismaj landoj, grava kaj dankema tasko.

*D-ro István Szerdahelyi*

# Planlingvistika dokumentaro II

Uzataj mallongigoj:

**S** = P. E. Stojan, Bibliografio de Internacia Lingvo, Genève, 1929, fotorepreso: 1970 (Olms) Hildesheim

**D** = E. Drezen, Historio de la Mondolingvo, Leipzig, 1931.

**C1** = L. Couturat, L. Leau, Histoire de la Langue Universelle, Paris, 1907.

**C2** = —, Les nouvelles Langues Internationales, Paris, 1907.

**M** = M .Monnerot-Dumaine, Précis d'Interlinguistique générale et spéciale, Paris, 1960.

### 3. RÉTHY András (Andreo)

**S** 5707, p. 473; **D** p. 71. Kompletigenda:

Lingua Universalis communi omnium nationum usui accommodata per Andream Réthy, in Regia Academia Jaurinensi linguae graece professorem, archidiocesis Strigoniensis presbyterum, Viennae, Typis Antonii Strauss, MDCCXXI. La devizon li citas de Skittius, sed ne laŭ Leibniz, sed laŭ la verko de Brosses: „Skittius dixit: ex omnibus linguis fieri per abstractionem posse linguam universalem matricem radicalem, quam nemo loquatur, sed quae sit omnium radix."

### 4. KALMÁR György (Georgo)

**S** N-ro 800, 5689, 5690; **D** p. 50; **M** p. 11.

*Biografiaj notoj*

Naskiĝis en hungara urbeto Tapolcafő (inter la urboj Pápa kaj Veszprém) en 1726, mortis en 1781. Studis teologion en Debrecen, depost 1750 faris grandajn eksterlandajn vojaĝojn, studis en anglaj kaj germanaj universitatoj la orientajn lingvojn. Post 1772 instruis en la gimnazio de Kecskemét.

*Lingvistikaj verkoj*

Kalmár, Georgius,

Lâsch d'iqdoq ure c schôt hăspheh hăqdemônah, Genuina linguae hebraicae grammatica, Genevae, 1760, 8+VIII+28 p.

—, Prodromus idiomatis scythico-mogorico-chuno (seu hunno) avarici. Sive adparatus criticus ad linguam hungaricam. Adcedit lex poetica de versa et ligata oratione hungarica, item poema Hungaricum de statu hominis integro et corrupto... Posonii, 1770, 324 p.

*Interlingvistikaj verkoj*

—, Praecepta grammatica atque specimina linguae philosophae sive universalis ad omne vitae genus accomodatae, Berolini et Lipsiae, 1772, Typ. Iacobaeer, 58 p. 2 tab; 23 cm.

—, Precetti di Grammatica per la lingua Filosofica o sia Universale, propria per ogni genre di vita, Roma, 1773, 4 + XXIV + 124 p., + 6 tab.

—, Grammatikalische Regeln zur philosophischen oder allgemeinen Sprache, das ist, der Sprache aller Voelker Zeiten und Lebensarten, Wien, 1774, Druck Kurzböck, 4 + XXIV + 6 + 114 p., 7 tab., 20 cm.



# Doktoriga disertacio pri Esperanto

La 16an de junio 1976 Detlev Blanke, estro de la sekcio Esperanto en Kulturligo de GDR kaj sekretario de Centra Laborrondo, defendis sian doktorigan disertacion antaŭ la sociscienca fakultato (sekcio germanistiko) de Humboldt-Universitato de Berlin (GDR). La disertacio, kiu konsistas el du volumoj (170 p. + 26 tabeloj; notoj kaj literaturo 74 p.) portas la titolon:

*„Planlingvo kaj nacia lingvo, kontribuo por esplorado de iliaj specifaj komunikadaj potencoj, montrita per konfronta komparo de kelkaj problemoj el la vortfarado de Esperanto kaj la germana lingvo"* (Plansprache und Nationalsprache, ein Beitrag zur Erforschung ihrer spezifischen Kommunikationsleistungen, gezeigt am konfrontativen Vergleich einiger Probleme der Wortbildung des Esperanto und des Deutschen).

La disertacio i. a. klare montras, ke konscia efikado de la homo je la instrumento lingvo estas tre disvastigita (lingvoplanado), substrekas la fakton, ke sole Esperanto funkcias kiel planlingvo kaj sekve nur ĝi estas esplorebla kiel lingva fenomeno. Plue Blanke pritraktas kelkajn bazajn problemojn de la vortteorio de Esperanto kaj de la germana lingvo (morfeminventaro, signifo de la vorto, kombineblo de morfemoj al morfemkonstruaĵoj, motivigo de la signifo de vortoj, nacia influo je la signifo de la vorto en Esperanto, lingva ekonomio). La ĉefa parto de la disertacio pritraktas la plej gravajn konstrumodelojn de substantivo, adjektivo kaj verbo en la komparataj lingvoj. La disertacio, kiu indikas preskaŭ

---

(resto de paĝo 16)

La itallingva verko estis kritikita. Kalmár respondis al la kritikintoj per la broŝuro:

—, Obfensae inlegitimae VINDEX LEGITIMUS Hoc est; Censores Romani Censurae subiecti, atque nuper inventum Idioma Philosophicum, sive Universale, ab ineptis eorum cauillationibus vindicatum, „Vera rei ratio semet bene vindicat ipsa. Falsa autem species semet facile ipsa refellit". G. K., Ephemeridum Romanarum Auctoribus S. E. M. M. Erlangae, Typis Waltherianis, A. MDCCLXXIII. Q. F. F. Q.S.N.O. (Scripsi Romae VI Non. Quint. MDCCLXXIII)

## Aktoj de la Akademio II

**Aktoj de la Akademio, II, 1968–1974, Oficiala Bulteno de la Akademio de Esperanto, n-ro 10, Rotterdam–Paris 1975, 80 paĝoj.**

Kelkfoje jen kaj jen aŭdiĝas duboj pri la laboraktiveco de la Akademio de Esperanto. Certe ne ŝajnas temi pri supozo pri malaktiveco de ĝiaj membroj, sed eble pri fundamentaj konsideroj rilatantaj entute la agadodirekton de tiom grava institucio. Se nur sporade kaj hazarde aperas esperantologiaj studoj, kiel esperantologia institucio kia ja estas la Akademio entute povas kontinue labori?

La Aktoj de la Akademio, II, 1968–1974, tamen pruvas, ke nia lingva institucio okupiĝis pri kelkaj gravaj problemoj, se oni ankaŭ devas substreki, ke unuavice temas pri studoj faritaj de malmultaj tre konataj esperantologoj, precipe de G. Waringhien kaj A. Abauld.

El la „administraj informoj" (p. 6–9) ni i. a. ekscias, ke en majo 1975 la Akademio havis reprezentantojn en diversaj lingvofamilioj kaj lingvaj teritorioj laŭ jena disdivido:

1. Ĝermana familio: 9 reprezentantoj por 5 lingvoj (dana, germana, nederlanda, norvega, sveda)
2. Slava familio: 5 reprezentantoj por 3 lingvoj (bulgara, ĉeĥa, serbokroata)
3. Latinida familio: 8 reprezentantoj por 4 lingvoj (franca, itala, hispana, portugala)
4. Finno-ugra familio: 4 reprezentantoj por 3 lingvoj (estona, finna, hungara)
5. Angla komplekso: 10 reprezentantoj (Anglujo, Skotlando, Sud-Afriko, Usono). Tiu „familio" ŝajnas al mi sufiĉe stranga.
6. Ekstrem-orienta grupo: 3 reprezentantoj por 1 lingvo (japana)
7. Aliaj lingvoj: 1 reprezentanto por unu lingvo (armena).

Jam tiu superrigardo montras, ke nepre necesas pliinternaciigi la Akademion por nur citi unu problemon.

En la Oka oficiala aldono al la Universala Vortaro (p. 11–27) estas listigita vico da nove oficialigitaj radikoj, inter ili tiaj konataj kaj komunuzaj kiel **aŭtobuso, oratoro, inventi**, aŭ **starti.**

---

(resto de paĝo 17)

400 fonto-verkojn, estas ekspertizita de la *profesoroj d-ro Erwin Arndt* (germanisto),*d-ro Viktor Falkenhahn* (slavisto-esperantologo) ambaŭ de Humboldt-Universitato, kaj de *d-ro M. J. Isaev* (interlingvisto), Moskvo. Tiu doktoriga disertacio pri „kompara lingvistiko-esperantologio", apartenas al la vere tre malmultaj disertacioj entute, kiuj ĝis nun estas verkitaj pri Esperanto en internacia skalo (Wüster, Manders). Ĝi vekis neantaŭvidite pozitivan eĥon en lingvistaj rondoj kaj sendube malfermos la pordon al pluaj seriozaj sciencaj ativecoj en GDR. La universitato proponis por la tuto la maloftan, plej altan predikaton „summa cum laude" (= eminenta). Per tiu disertacio Blanke denove substrekas sian kompleksan profesian agadon por Esperanto, kiu enhavas politikan, organizan kaj fake-sciencan komponentojn.

## MEM reprezentita ankaŭ en Vieno

Laŭ invito de s-ro R. Chandra, MEM povis nomi sian reprezentanton por la kunsidoj de la Gvidkomitato de la Monda Kongreso de pacamaj fortoj, kiu kolektiĝis en Vieno en la fino de novembro.

Komisiite de la prezidanto de MEM la membroj de la internacia Komitato de MEM, s-roj d-ro Adolf Halbedl kaj Emil Vokal aranĝis tiun reprezentadon, enportante ankaŭ certan sumon por kovri la elspezojn de la kunsido.

Al la kunsido estis prezentita per niaj amikoj mesaĝo de MEM kun la jena teksto:

„Estimataj Pacamikoj,

Permesu al mi saluti vin en nomo de la Mondpaca Esperanto-Movado, kiu ekzistas jam de 22 jaroj kaj kunlaboras kun ĉiuj pacamaj movadoj en la mondo.

MEM faris aktivan laboron lige kun la preparlaboroj por la Monda Kongreso de pacamaj fortoj en Moskvo, partoprenante la du preparkonferencojn. Kelkmembra delegitaro de MEM partoprenis la kunsidojn de monda pacforumo en Moskvo en 1973.

Nun per siaj eldonaĵoj, per kunvenoj k. a. formoj MEM propagandas la decidojn de tiu plej granda kaj plej reprezanta pacforumo. Ankaŭ ni protestante agos en simila spirito ĝis kiam la justa afero de la paco venkos definitive en la tuta mondo.

Al la nuna konferenco, en kiu MEM estas reprezentita de la membro de la internacia Komitato de MEM, s-ro Emil Vokal, ni bondeziras sukcesan laboron!"

*(La Pacaktivulo 104/1976)*

---

(resto de paĝo 18)

De speciala graveco por la instruado de Esperanto estas la zorge kunmetita Baza Radikaro Oficiala (p. 28—54).

La kompilinto A. Abault, utiliginte diversajn bazajn Radikarojn (i. a. de S. Rublev, V. Setälä, L. Blaas) kunmetis radikaron laŭ 9 ofteco-grupoj, tiel, ke en la unua oni trovas nur la afiksojn, la aŭ-vortojn, iujn tabelvortojn, konjunkciojn, interjekciojn, adverbojn kaj pronomojn. En la aliaj grupoj sekvas, laŭ ofteco de la uzateco, substantivoj, adjektivoj, verboj. Laŭ la dezirita grado de la instruado oni povas elekti la respektivan grupon. Plue oni trovas en la valora kajero la Rekomendojn de la Akademio (p. 55—57) pri la refleksivo kaj pri po. En parto neoficiala ni trovas studon pri ata/ita (analizo de la Zamenhofa traduko de „La Rabistoj") el la plumo de Raymond Schwartz kaj tre erudician analizon de A. Albault pri la vere ĥaosa situacio en nia lingvo rilate al la landnomoj. (p. 68—75).

Ĉiu esperantologo pri tiu kajero tre ĝojos, sed tiu ĝojo ne povas forigi la maltrankvilon, kiun oni sentas konstatante, ke daŭre mankas kontinue aperadanta lingvistika revuo pri Esperanto, „Esperantologio". Kiam ĝi reaperos?

*D. Blanke*

# *Eĉ tio okazis*

**Malfacila problemo**

Roberto Mercier el Nancy (Francio) pli ol unufoje estis misuzinta sian seruristan metion por malfermi fremdajn pordojn. Fine policisto kaptis lin, kiam li iutage ebriege provis rompoŝtele eniri sian propran loĝejon. Pariza juĝejo, kiu nun devas okupi sin pri tiu kazo, devas solvi malfacilan problemon.

**Ĝentilhomoj**

En itala gazeto oni skribis pri ĝentila konduto. La aŭtoro rimarkis: „La pinto de bona eduko laŭ mia opinio estas la kapableco priskribi virinon sen helpo de la manoj."

**Drinkuloj?**

Sur la korto de fornisto en Lyon ĉirkaŭ 100 kolomboj kutimis restadi. Oni konsilis al la majstro disverŝi grajnojn sorbigitajn per alkoholo. La sukceso estis vera surprizo! La sekvontan tagon estis pli ol 200 kolomboj!

**Ombro luebla**

En Irano kamparano uzas la varmegon je sia profito. Li lu-donas la ombron de arbo, je la prezo de proksimume po 6 M tage. La klientoj estas ĉefe enloĝantoj de Teheran, kiuj dum la semajnfino fuĝas el la „ardanta" ĉefurbo al la freŝiganta maro.

**Atenton, gazo!**

Afiŝo enire de Glendive, Usono, indikas: „Ĉi-tie lasttempe 159 personoj mortis kaŭze de gazo. 11 enspiris ĝin, 9 malsingarde kontaktis ĝin per alumeto kaj 139 donis tro multe da ĝi."

**Plej facila solvo**

La kahelisto Pat Loewe en Oklahoma edziniĝis la fratinon de sia unua edzino. Demandita, ĉu ekzistas speciala kaŭzo por tio, li ridetis. „Certe. Tamaniere mi ŝparas al mi novan bopatrinon."

**Vidvinoj amase**

Gazeto el Baltimore, Usono, raportis: „Dum la lasta uragano subakviĝis la ŝarĝoŝipo „Mary 3" kun 18 maristoj. Pro la tragika morto de tiuj viroj funebras centoj da vidvinoj."

**Scivolemo**

Al steno-kurso en Manchester aliĝis ankaŭ la 82-jara Elisabeth Wood. Kiel kialon de sia lernfervoro la maljuna damo klarigis: „Mi fine volas deĉifri la sekretojn de la steno-taglibro de mia forpasinta edzo."

## Plenkunsido de Centra Laborrondo

La 12an kaj 13an de junio 1976 okazis en Rathenow (pr. Rateno) laŭvica plenkunsido de CLE, kiun partoprenis 31 membroj kaj kelkaj gastoj el GDR. Jam vendredo vespere okazis renkontiĝo kun membroj de distrikta laborrondo Potsdam por vigle diskuti la rezultojn de koresponda kurso organizita en tiu distrikto, kiel unua en GDR. Same vigle la diskutoj estis sabate kaj dimanĉe en la plenkunsido de CLE, kie ĉiu grava punkto estis detale diskutita.

Se ni bone memoras, ke en majo 1976 okazis la partikongreso de la Socialista Unuiĝinta Partio de Germanio (SED), kompreneble CLE serioze ankaŭ diskutis konkludojn por la estonta laboro de la esperantistoj de GDR sur la bazo de la dokumentoj de tiu kongreso.

Diskutiĝis ankaŭ la preparoj por la Centra (Balota) Konferenco de la esperantistoj organizitaj en Kulturligo de GDR, kiu okazos la 6an kaj la 7an de novembro 1976 en Leipzig. En ok distriktoj jam per sekretaj balotoj okazis la elektoj de la delegitoj por la Centra Konferenco kaj de la novaj distriktaj estraroj. La balotoj en la restintaj sep distriktoj nun baldaŭ sekvos.

Ĉiuj ĝisnunaj distriktaj konferencoj kun alta nivelo bone sukcesis kaj montris vojojn por la evoluo de plua fruktedona laboro. Multaj gejunuloj nun aktive kunlaboras en niaj Esperanto-rondoj sur ĉiuj ebenoj. Ĉi tie montras sin la rezultoj de la longdaŭra kontinua laboro de la esperantistoj en Kulturligo de GDR.

La ampleksa tagordo ankaŭ entenis punkton pri varbado, pritrakton de la rezultoj de la konsultiĝo de la reprezentantoj de la Esperanto-Asocioj de la eŭropaj socialismaj landoj en Kraków, de la preparoj por la UK de Esperanto en Ateno, de TEJO en Tessaloniki kaj de la 7a Ĝenerala Konferenco de MEM en Ruse.

La konstruktiva plenkunsido finiĝis en optimisma atmosfero por nia estonta laboro en GDR.

*R. Graetz*

### Gastoj el Ostrava en Meißen

La 22-an de majo 29 esperantistoj el Ostrava vizitis Meißen. Meißenanoj invitis pro tio junularon el la distrikto Dresden. Entute 52 esperantistoj partoprenis tiun renkontiĝon.

Komune ni rigardis la malnovan urbon, porcelanmanufakturon kaj kastelon. La gastoj estis tre interesitaj pri historio kaj nuntempo de nia urbo. Kvankam pluvetis oni ne perdis la humoron.

Kantado kaj dancado finis nian renkontiĝon dum gaja kunveno en gastejo Rehbockschänke.

*Marita Dörner*

### Serĉata

Kiu povas disponigi (interŝanĝe kontraŭ aliaj esperantaĵoj, libroj) la esperantlingvan libron de Vladimir Dedijer „Josip Broz Tito", Ljubljána 1954? Ofertojn bv. direkti al CLR.

# HANS FRANKE - laborista esperantisto

La 8-5-76 en Eythra apud Leipzigo la Supera lernejo en ĉeesto de honoraj gastoj kaj reprezentantoj de ĉiuj lokaj institucioj, fabrikoj kaj laborejoj ricevis la nomon Hans Franke.

Kiu estis Hans Franke? Li estis 24jara kontraŭfaŝista esperantisto, de faŝistoj murdita 1930 en Eythra ĉe propagando antaŭ baloto por la Komunista partio. Krom li 12 kamaradoj de ruĝfrontanoj estis grave vunditaj kaj devis esti kuracitaj en malsanulejo. Memortabulo ĉe la krimloko citas tiun faŝistan krimegon.

La pionira organizo de Eythra jam depost jaroj fervore kolektis memorindaĵojn pri Hans Franke, kiel fotojn, runojn ktp. (Li estis oraĵisto). Kun ni kiel 3 fratinoj, konintaj Hans Franke de tiama Esperanto-Junularo en Leipzigo, li havis skriban kontakton. Kiel honoraj gastoj ni kaj kelkaj reprezentantoj de la Leipziga Esperantogrupo kunportis floraranĝojn, esprimante ankaŭ lian esperantistecon kaj metis ilin kiel la aliaj gastoj al la memortabulo. Kun la ceteraj honoraj gastoj kaj instruistoj okazis valoraj diskutoj pri Esperanto.

Cetere en nia ŝtato la korpaj postrestaĵoj de Hans Franke estas translokigitaj al la honorplaco en la Leipziga Sudtombejo.

*En la nomo de la iamaj fratinoj Teichmann:*
*Elsa Gruhle*

### Otto Lauckner 75-jara

La laborista esperantisto Otto Lauckner el Großenhain festos la 27an de septembro 1976 sian 75-jaran naskiĝtagon. Ni kore gratulas al la jubileulo.

### „Beiträge zur Geschichte der Arbeiterbewegung"

En n-ro 4/1976 de la supre menciita germanlingva faka revuo el GDR, kiu pritraktas problemojn el la historio de la laborista movado kaj estas eldonata de la Instituto por marksismo-leninismo ĉe CK de Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio, aperis ampleksa (8 paĝa) studo de d-ro Detlev Blanke pri la agado de la germanaj laboristaj esperantistoj dum la tempo de la Respubliko de Weimar (elp. Vajmar), t. e. de 1918—1933. La studo sendube vekos la atenton de historiistoj pri Esperanto.

### Gaston Waringhien 75-jara

La prezidanto de la Akademio de Esperanto, la eminenta esperantologo prof. Gaston Waringhien, festis la 20an de julio 1976 sian 75-an naskiĝtagon. La esperantistoj de Germana Demokratia Respubliko deziras al la jubileulo ĉion bonan, sanon kaj speciale ankoraŭ multajn pluajn elstarajn esperantologiajn kaj beletrajn verkojn el la plumo de la senlaca kaj profunde scia titano de nia lingvo.

## Nacia Pedagogia Esperanto-Konferenco

En la Teksa Teknikumo en la urbo Vraca, Bulgario, okazis la 1-an kaj 2-an de aprilo 1976 nacia pedagogia Esperanta konferenco. Partoprenis ĝin pli ol 70 personoj el la tuta lando.

La unuan tagon estis prezentitaj du malfermitaj lecionoj kun gelernantoj el la Teksa Teknikumo, kie Esperanto estas instruata jam 18 jarojn. Enjo Daskalov, instruisto en la lernejo, instruis la lecionon „Mia familio" (posedaj pronomoj) kaj Kunĉo Vâlev, sekretario de CK de BEA, instruis la lecionon „Ni lernas Esperanton" (akuzativo).

Post la pridiskuto de la lecionoj, la plej junaj, 8-jaraj infanoj de la lernejo „P. R. Slavejkov" kun la Esperanta instruisto Enjo Daskalov kaj la kantgvidantino Vatka Ivanova plenumis artan programon. La infanaj voĉoj plenigis la korojn de ĉiuj ĉeestantoj. En du klasĉambroj kaj en la Esperanta kabineto estis aranĝita granda ekspozicio pri la 20-jara esperantista agado de Enjo Daskalov. Estis prezentitaj pli ol 4000 leteroj, 5000 poŝtkartoj, moneroj kaj poŝtmarkoj el la tuta mondo, 1000 tabeloj pri instruado kaj metodiko de Esperanto, organizaj dokumentoj, lecionoj, instruhelpiloj k. s.

Dum la dua tage estis prelegitaj du raportoj: de Enjo Daskalov pri „Nuntempaj instruhelpiloj kaj tekniko en la lecionoj" kaj de Kunĉo Vâlev pri „La estonta laboro de la instruistoj".

Antaŭ la forveturo oni vizitis la urban junularan Esperantan klubon en la Distrikta Junulara Domo kaj la groton „Ledenika" sur Balkano.

*E. D.*

## Distingo al loka Esperanto-societo

La Ŝtata Soveto de Bulgario distingis la 31-an de majo per ordeno „Kiril i Metodi" — dua grado, la lokan Esperanto-societon „Lumo" en Veliko Târnovo lige kun ĝia 80-jariĝo kaj pro „ĝia multjara popolutila agado". Tiu ĉi distingo ne estas izolita kazo. En la lastaj jaroj per la sama ordeno estis distingitaj la Esperanto-societoj en Plovdiv kaj Ŝumen, la Bulgara Esperantista Asocio mem, la asocia organo „Bulgara Esperantisto" kaj apartaj meritoplenaj esperantistoj, inter ili ankaŭ la prezidanto de BEA kaj de MEM, Nikola Aleksiev.

## Ĉebalta Esperanta Printempo

Tiu-ĉi atrakcia aranĝo okazis de 16. — 20. 5. 1976 en Mielno ĉe Koszalin en Pollando. Partoprenis ĉ. 50 personoj el 4 landoj la interesan kaj multflankan programon, kiu i. a. enhavis koncertojn, prelegojn, ekskursojn, akcepton ĉe la urbestro, bivakfajrojn.

## KORESPONDDEZIROJ



### Bulgario

Instruisto, 45 j., dez. kor. tutmonde pri ĉ. t.: Ilija Arangelov Kolev, **2110 Novihan,** Sofijsko

Gelernantoj dez. kor., komuna adreso: Enjo Daskalov, Bul. „Lenin" 19, ap. 40, **3000 Vraca**

Studentino, 25 j., dez. kor. k. germ. fraŭloj pri ĉ. t., Boĵidarka Simeonova, str. „Marin Drinov" 5, **Varna – C**

### GDR

Edith Lohse, Bandelowstr. 9, **154 Falkensee,** 51 j., dez. kor. pri ĉ. t., kol. bk.

Kuracistino, dez. kor. tutmonde: d-ro Alheid Boede, **2152 Woldegk,** Ernst-Thälmann-Straße 31

Instruistino dez. kor. tutmonde: Christa Herklotz, **2071 Sielow, Kr.** Röbel

Fakkuracisto dez. kor. tutmonde: Heinz Steinmetz, **2061 Vollrathsruhe,** Kr. Waren

Gekomencantoj dez. kor. tutmonde:
Gudrun Barthel, **7251 Burkartshain,** Heinrich-Heine-Straße 5, instruistino, 32 j.
Brigitte Döring, **725 Wurzen,** Theodor-Körner-Straße 21, instruistino, 35 j.
Karin Poppe, **7251 Burkartshain,** Kührener Straße 2, instruistino, 29 j.
Peter Poppe, **7251 Burkartshain,** Kührener Straße 2, instruisto, 36 j.
Steffen Hamann, **7201 Großzössen,** Straße der DSF 13, advokato, 33 j.

Geesperantistoj el Potsdam dez. kor. k. gesamideanoj precipe el soc. landoj, skribu al: Herbert Scheffs, **1503 Potsdam-Bornstedt,** Apfelweg 3

### Hungario

Lernantino, 16 j., dez. kor. k. geknaboj: Olga Petras, **4033 Debrecen,** Szeremley u. 24

Studentino, 22 j., dez. kor. k. junuloj: Tünde Lukács, **H-3300 Eger,** Telekessy 8, I/2

Gelernantoj, 11—12 j., dez. kor. k. pioniroj el GDR, bv. skribi al s-ino Zoltane Ambrus, **1098 Budapest,** IX, Toronyhaz str. 21

Studentino, 21 j., dez. kor. k. esp. el GDR: Eva Kovács, **3300 Eger,** Károlyi M. ut. 8/A

Lernanto, 15 j., dez. kor. k. germ. geknaboj: Zsolt Fülop, **H-7621 Pécs II.** kerület, József utca 43

Studentinoj dez. kor. k. esp. el GDR:
Erzsébet Kónya, **3300 Eger,** Rózsa Kárdy u. 14, IV/21, (22 j.)
Márta Bátori, **3300 Eger,** Klapka u. 12, (21 j.)
Judit Fekete, **3300 Eger,** Rajner K. u. 30

Gekomencantoj, 16—24 j., dez. kor. k. geesperantistoj tutmonde: Esp. Klubo „Juna Koro", **H-8400 Zalaegerszeg,** Kisfaludi u. 5—7

### Jugoslavio

24-jara muzikanto dez. kor. k. gejunuloj el GDR, kol. pm, bk.: Attila Kovács, **23 328 Crna Bara**

### Portugalio

Gejunuloj 11—20 j., ĉiuj el **Montigo:** dez. kor.
Maria Hortense Marques Baeta, Rua Almirante Candido dos Reis 76
Saul Benito Serra, Rua Antonio Rodrigues Pimentel 8—1
Rogério Salvador Marques Baeta, Rua Almirante Candido dos Reis 76
Maria Leontina dos Santos Dimas, Praca da Republica 68
Paulo Renato Ribeiro Benito, Rua José Joaquim Marques 107
Filomena Goncalves Nunes (instruistino), Av. Infante D. Henrique 24—3
E. Odete Conceicao Caldeireiro Pereira, R. Dr. César Ventura 18
Ana Paula Valagao Luz Clara, av. Dr. Paulino Gomez
Ricardo Fernandes Salvador, Rua Gago Coutinho 87-A
Manuel José Pereira Palma, Av. D. Afonso Henriques 4—1 E

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR (Zentraler Arbeitskreis Esperanto).
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60. Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudi Graetz, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. - Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. - Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 710